# BEL informas

*n-ro 14/2014*

*la 16an de junio 2014*

*16 de junho de 2014*

## KONFIRMITE! Supernova koncertos en la 70-a IJK!

## CONFIRMADO! Supernova fará concerto no 70º IJK!

www.youtube.com/watch?v=zVYWYfkpcvA

La rokbando Supernova estos unu el la muzikaj allogoj de la 70-a IJK, okazonta en Fortalezo julie. Nepre venu por ĝui tiun unikan koncerton kun ni!

Aliĝu al IJK, sciu pri pli da informoj kaj donacu pere de la paĝo: http://ijk.brazilo.net aŭ de la retadreso: ijk@brazilo.net.

*BEJO / IJK-LKK*

www.youtube.com/watch?v=zVYWYfkpcvA

A banda de rock Supernova será uma das atrações musicais do 70º IJK, a acontecer em julho, em Fortaleza. Não perca e curta conosco esta apresentação única!

Inscreva-se no IJK, saiba mais e doe por meio da página: http://ijk.brazilo.net ou do endereço: ijk@brazilo.net.

*BEJO / IJK-LKK*

## Esperantaj lecionoj laŭditaj de fakulo de Universitato de Braziljo

## Lições de Esperanto elogiadas por especialista da Universidade de Brasília

En la 12-a kaj en 15-a de majo inspektoro de UnB/LET/UnB Idiomas, Universitato de Braziljo, vizitis la lecionojn de Esperanto, kadre de la ĉijara rutina vizitado, cele al taksado de la kvalito de la diversaj lingvokursoj (14 lingvoj) kaj de la instruistaro de UnB Idiomas. Tio estus simpla ordinaraĵo se la inspektoro, fine de sia tiama tasko, ne petus permeson de la instruisto de la laste vizitita klaso por alparoli la ĉeestantajn gelernantojn por deklari, ke la esperantaj lecionoj de la du klasoj kiujn li vizitis - de Profesoroj Paulo Nascentes kaj Josias Barboza - estis la plej profesiaj kaj altkvalitaj el ĉiuj de li vizititaj lingvo-lecionoj. Tio ege mirigis kaj pripensigis la profesorojn, kiuj decidis kunĝui kun ĉiuj esperantistoj tiun sperton, cele al komuna pripensado pri nia estonta agado je la planado de Esperanto-instruado en Brazilo.

*Profesoroj Paulo Nascentes kaj Josias Barboza*

Nos dias 12 e 15 de maio, um inspetor da UnB/LET/UnB Idiomas, Universidade de Brasília, visitou as turmas de Esperanto, como ação rotineira deste ano, com vista à avaliação da qualidade dos diversos cursos (14 línguas) e dos professores do UnB Idiomas. Isto seria algo simples e corriqueiro, se o inspetor, ao final de sua tarefa, não tivesse pedido permissão ao professor da última turma visitada para se dirigir aos alunos presentes para declarar que as aulas de Esperanto das duas turmas que ele visitou - a dos Professores Paulo Nascentes e Josias Barboza - tinham sido as de mais alto nível de qualidade e profissionalismo de todas as que tinha visitado. Isto muito admirou e fez pensar os professores, que decidiram compartilhar com todos os esperantistas essa experiência, para uma reflexão comum acerca da nossa ação futura no planejamento do ensino de Esperanto no Brasil.

*Professores Paulo Nascentes e Josias Barboza*

## Salto do Lontra: Esperanto mese la 1-an de majo

## Salto do Lontra: Esperanto em missa de 1º de maio

La 1-an de majo 2014 okazis en la Paroĥo Salto do Lontra-PR la 4-a Meso de Kulturoj. En tiu tema meso, per prezento de pluraj kulturaĵoj, interalie katolikaj preĝoj kaj kantoj en fremdaj lingvoj, la komunumo omaĝas la diversajn etnojn, el kies kunvivado kaj kunlaborado fontas la brazila popolo. Same kiel en la jaro 2012, Esperanton ĉijare reprezentis la juna esperantistino Tamiris Ceolin, per Patro Nia. Siavice, Roger Gotardi preĝis Saluton Maria en la lingvo internacia en la jaro 2013 kaj en la njengatua, brazila indiana lingvo, nunjare. Tuj post kiam aŭdiĝis la esperantlingva preĝo, Pastro Paulo Vanderlei Brisch ebligis, ke Roger supraĵe klarigu, kio estas Esperanto. La meso estis rekte elsendata de la loka radio.

*Roger Gotardi*

No dia primeiro de maio aconteceu na Paróquia Salto do Lontra (Paraná) a 4ª Missa das Culturas. Nesta missa, por meio de diversas apresentações culturais, entre elas preces e cantos católicos em línguas estrangeiras, a comunidade homenageia as diversas etnias de cuja convivência e colaboração o povo brasileiro é fruto. Como em 2012, o Esperanto foi representado pela jovem esperantista Tamiris Ceolin, com o Pai Nosso em Esperanto. O esperantista Roger Gotardi, que apresentou Ave Maria em Esperanto em 2013, neste ano a apresentou em nheengatu, língua indígena brasileira. Logo após a primeira prece em Esperanto, o Padre Paulo Vanderlei Brisch permitiu a Roger rapidamente esclarecer o que é o Esperanto. A missa foi transmitida pela rádio local.

*Roger Gotardi*

## Renkonto de Esperantistoj de la Paraiba Valo

## Encontro dos Esperantista do Vale do Paraíba

La 1-an de junio 2014 okazis en la urbo Lorena, en la brazila ŝtato San-Paŭlo, unu plia Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo. En tre agrabla etoso kunsidis pli ol kvardek homoj el deko da urboj el tri ŝtatoj. De la naŭa horo ĝis la dek-sesa kaj duono ĉiuj kunvenis ĉe la Kulturdomo de Lorena. Post akcepta lunĉo Aleksandro Prado prelegis pri rimedoj por havigo de flueco en fremda lingvo – inkluzive de Esperanto. La publiko vigle diskutis la aferon. Antaŭ la tagmanĝo la tuta grupo promenis tra la urbocentro portante Esperantan flagon kaj rubandojn, disdonante centojn da flugfolioj – kaj vizitante historiajn konstruaĵojn. Posttagmeze oni aŭskultis “Guton da gramatiko” kaj paroligan ekzercon per projekciado de interesveka filmeto (sub la gvido de José Roberto Tenório, prezidanto de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo). Sekvis informoj fare de Givanildo Ramos Costa (Kultura Kooperativo de Esperantistoj), Allan Argolo (Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro) kaj José Roberto Tenório (EASP). Poste prelegis Maria Nazaré Laroca pri la temo “Ĉu poezio estas necesa?” kaj Francisco S. Wechsler, pri la revuo “Brazila Esperantisto”.

La longatinga radistacio “Aparecida” informis pri la evento. Dum la tuta tago funkciis eta libroservo kaj vendado de Esperanto-ĉemizoj kaj objektoj. La venonta renkonto en la Paraiba Valo okazos en oktobro 2014 en la ŝtato Rio-de-Ĵanejro.

Em 1 de junho de 2014 aconteceu em Lorena, SP, mais um Encontro de Esperantistas do Vale do Paraíba, em uma atmosfera muito agradável, reunindo mais de quarenta pessoas de uma dúzia de cidades de três estados. Das 9h às 16h30, estiveram reunidos na Casa de Cultura de Lorena. Após lanche de boas-vindas, Alexandre Prado falou sobre os recursos para adquirir fluência em uma língua estrangeira - incluindo Esperanto. O público discutiu vigorosamente o assunto. Antes do almoço, todo o grupo caminhou pelo centro da cidade portando uma bandeira e faixas sobre o Esperanto, distribuindo centenas de panfletos e visitando edifícios históricos. Na parte da tarde, ouviram "Uma gota de gramática" e exercício de fala por meio de um interessante vídeo (sob a orientação de José Roberto Tenório, presidente da EASP). Seguiram-se informações de Givanildo Ramos Costa (KKE), Allan Argolo (AERJ) e José Roberto Tenório. Depois palestrou Maria Nazaré Laroca sobre o tema "A poesia é necessária?" e Francisco S. Wechsler sobre a revista "Brazila Esperantisto".

A estação de rádio "Aparecida" informou sobre o evento. Durante todo o dia, vendeu-se livros, camisas e objetos do Esperanto. A próxima reunião no Vale do Paraíba será realizada em outubro de 2014, no Estado do Rio de Janeiro.

*Paulo Sérgio Viana*

*Paulo Sérgio Viana*

## Atenton! BEL Informas volas scii: kiuj estas niaj venontaj eventoj?

## Atenção! O BEL Informas quer saber: quais são nossos próximos eventos?

**Foto: Renkonto en la Paraiba Valo**

**Foto: Encontro no Vale do Paraíba**

Sennombro da eventoj okazas en Brazilo dum la tuta jaro. Parto de la misio de **Brazila Esperanto-Ligo** estas ilin disvastigi al ĉiuj, kaj ***BEL Informas*** estas komunikservo je la dispono de nia tuta komunumo. Sendu al ni novaĵojn pri eventoj en via regiono - miloj da homoj scios pri ili kaj igos ilin sukcesaj pere de nia ***BEL Informas***

Ni atendas viajn informojn!

Klaku ĉi tie por scii kiel sendi viajn novaĵojn.

*Teamo de BEL Informas*

São inúmeros os eventos de Esperanto no Brasil durante todo o ano. Uma das missões da **Liga Brasileira de Esperanto** é divulgá-los, e o ***BEL Informas*** é um serviço que está à disposição de toda a comunidade. Conte-nos de eventos em sua região - milhares poderão inteirar-se deles e garantir seu sucesso com nosso ***BEL Informas***

Estamos aguardando!

Clique aqui para saber como enviar suas novidades.

*Equipe BEL Informas*

## Raporto pri la cifereca disvastiga kampanjo en majo

## Relatório da Campanha de divulgação digital em maio

En majo nia kampanjo aktivis dum 10 tagoj, kaj ĝi aperis al 9.950 retumantoj, el tio rezultis 271 novaj vizitantoj al nia portalo.

No mês de maio nossa campanha esteve ativa durante 10 dias, sendo exibida a 9.950 internautas, o que resultou em 271 novos visitantes ao nosso portal.

Kunlaboru ankaŭ vi per R$ 10,00 monate por ke ni povu porti nian mesaĝon dum la tuta monato.

Colabore você também com R$ 10,00 mensais para que possamos levar nossa mensagem durante todos os dias do mês.

www.esperanto.com.br/digital

*BEL*

www.esperanto.com.br/digital

*BEL*

## Aliĝu al niaj komunumoj ĉe Facebook kaj Google +

## Conecte-se a nossas comunidades no Facebook e Google +

**BEL invitas: vizitu kaj ŝatu nian paĝon ĉe facebook!**

**BEL convida: visite e curta nossa página no face!**

**[www.facebook.com/brazilaesperantoligo](http://www.facebook.com/brazilaesperantoligo)**

**Ĉu vi jam realiĝis al BEL ?**
**Você já se refiliou à BEL ?**

**Novaj en via BEL@Butiko**

**Novos em sua BEL@Butiko**

**Skarabo en formikejo -** Sciencfikcia romano kiu tenas la leganton strečita ĝis la lasta paĝo, nur R$ 54,00!

http://belabutiko.esperanto.org.br/index.php/skarabo-en-formikejo.html

**50-a BKE -** Inscrição no 50º Congresso Brasileiro de Esperanto, janeiro de 2015, Rio de Janeiro. Diversas categorias! **Atenção:** valores promocionais somente até 30 de julho!

http://belabutiko.esperanto.org.br/abonservo/index.php/congresso-e-eventos/50bke.html

**Ventemo -** Poŝformata poemaro riĉa je ritmo - kaj rimoplenaj versoj, nur R$ 11,50!

http://belabutiko.esperanto.org.br/index.php/ventemo.html

**Miraklo de unu momento -** 22 "momentoj" unupaĝaj, ĉiu kun propra ilustraĵo de la aŭtorino, nur R$ 9,00!

http://belabutiko.esperanto.org.br/index.php/miraklo-de-unu-momento.html

AL BEL-MEMBROJ: POR RICEVI 10%-AN RABATON, PETU VIAN RABAT-KODON ĈE LA ADRESO:

AOS MEMBROS DA BEL: PARA TER DESCONTO DE 10% NA COMPRA DE LIVROS, SOLICITE SEU CÓDIGO JUNTO AO ENDEREÇO:

belabutiko@esperanto.org.br

belabutiko@esperanto.org.br

**Vizitu vian virtualan butikon:**

**Visite a sua loja virtual:**

**www.belabutiko.esperanto.org.br**

Francisco Mattos
belabutiko@esperanto.org.br

# Ni laboru kune!

**Boletim bilíngue da Liga Brasileira de Esperanto**
**Dulingva bulteno de Brazila Esperanto-Ligo**

SDS Ed. Venâncio III Sala 303, Brasília - DF, CEP 70.393-902
Telefones: (61) 3226-1298 Fax: (61) 3226-4446

**Kunlaborantoj**: Affonso Soares, Anna Lobo, Antonio Felix, Bert Schumann, Carlos Pereira, Diego Ribeiro, Emmanoel Lima, Emilio Cid, Eurípedes Barbosa, Evandro Avellar, Evandro Caboclo, Fabiano Henrique, Fabio Monteiro, Fabio Santos, Fernando Maia, Flávio Gomes, Francisco Mattos, Joe Bazilio, Luís Guilherme Jardim, Márcio Santos, Marcus Aurelius Farias, Paulo Nascentes, Paulo Sérgio Viana, Rafael Zerbetto, Walter Fontes, Wesley Jefferson.

**Sendu kontribuojn al bel.informas@gmail.com**

**Ricevu BEL Informas per via retadreso**
**Receba BEL Informas em seu email**

**www.esperanto.com.br/bel**